22ª Jaro - Nº 11 (236) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Novembro 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Societo sen profita celo. — Belga ŝtatgazeto 27.6.36.

ĈE DANĜERA VOJKRUCIĜO.

## U. E. A. mortis ! Vivu I. E. L. !

Se ni, en ĉi supra titolo, iom ŝanĝite, rediras la frazon pri la morto de reĝo, ni tuj konfesu, ke estas sen plezuro, ke ni diras : *« U. E. A. mortis ! »* kaj sen entuziasmo *« Vivu I. E. L. ! »*

Dum pli ol 25 jaroj la tri literoj U. E. A. altiris la atenton de la internacia Esperantistaro kaj, post multaj luktoj, oni fine povis esperi, ke U. E. A. iĝinte samtempe kaj la internacia societo en kiu ĉiu Esperantisto povis aniĝi kaj la reprezentaro de ĉiuj naciaj societoj, fine havos trankvilan feliĉan vivon.

Estas, je tiu momento, ke subite, per honta sintenado de kelkaj svisaj Esperantistoj, kiuj komprenebIe klopodos kunigi ĉirkaŭ si ĉiujn disajn malkontentulojn en la mondo, la agado de nia internacia organizaĵo estas lamigata per serio de procesoj, kies fino ne estas antaŭvidebla pro la simpla kialo, ke neniam estos fino al ĝi.

Konfesu ni, ke la statuto estis sekvita nur en sia spirito, sed ne tute en sia teksto, ĉar staras en la statuto, ke voĉdonado de la delegitoj ne povas okazi, krom post formala voĉdonado de la Komitato.

Sed la atakantoj antaŭ la tribunalo montris, ke ili ne nur sin apogas sur tiu kialo, kiun la tribunalo eble ne estus akceptinta, kiel sufiĉa, ĉar la Komitato jam antaŭe voĉdonis. Ili efektive apogis la atakon per multaj aliaj konsideroj : la sendo de leteroj per aviadilo, la rapideco en la konkludoj k. c. ; ĉiuj konsideroj, kiuj sufiĉe montras, ke, eĉ se la tribunalo statuos favore al la Komitato, ili tamen trovos novajn tiajn ĉikanargumentojn por daŭre batali.

Tial la Komitato pravis, kiam ĝi ne pli longe atendis kaj sub provizore alia nomo, tuj ekrekomencis sian laboradon.

Ni malĝojas pro la ŝanĝo en la nomo. Sed tio ne malhelpas, ke ni laŭte, kvankam kun premita gorĝo krias : *Vivu I. E. L.*

Por ni, I. E. L. estas U. E. A. Ni volas retrovi en ĝi la gvidantojn de U. E. A. tiel, kiel ni elektis ilin ; ni volas retrovi en ĝi la komitatanojn, kiujn elektis la naciaj societoj ; ni volas retrovi en ĝi la delegitojn, kiuj, dum tiom da jaroj, jam faris servojn al la tuta esperantistaro.

Kaj se, post kelkaj monatoj, la situacio reklariĝas, ni estos la unuaj por instigi al la reedziĝo, al la repreno de la malnova nomo.

Se tamen la tribunalo malhelpas, se la ĉikanistoj daŭrigas sian mortigan laboron, I. E. L. postvivos sub la nova nomo kaj ne daŭros longtempe antaŭ ol, per la volo de la Esperantistoj, ĝi iĝos same konata kaj same vivanta, kiel iam estis U. E. A.

La Komitato de la Reĝa Belga Ligo Esperantista jam, antaŭ kelkaj semajnoj, decidis eksiĝi el U.E.A. kaj eventuale aliĝi al I. E. L.

La aliĝo nun jam okazis kaj ricevos definitivan konsekron tuj kiam la nova internacia societo havos sian definitivan ekzistadon.

Intertempe la Administrantaro de la Ligo demandas al ĉiuj delegitoj kaj vicdelegitoj de U. E. A. en nia lando, ke ili sendu al la sekretario, sur du apartaj folioj, sian eksiĝon, kiel delegito de U. E. A. kaj sian pretecon daŭrigi en la nove starigata societo la oficon, kiun ili plenumis ĝis nun.

Ni estas certaj ke ĉiuj, senescepte kaj kiel eble plej baldaŭ, reguligos sian situacion en tiu senco. Ni ne devas doni al ili pliajn klarigojn. La monata organo, sub sia nova nomo « Esperanto Internacia », jam indikis al ili la vojon.

Kaj al ĉiuj la membroj de U. E. A., ni demandas ke ili daŭrigu sian subtenon al la internacia movado, pagante, por la jaro 1937, siajn kotizojn, al I. E. L., same kiel ili faris al U. E. A.

Nur per la kunlaboro de ĉiuj, ni atingos ke la ŝanĝo ne iĝu skismo.

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## U. E. A. — I. E. L.

Antaŭ kelkaj tagoj la Reĝa Belga Ligo Esperantista sendis al ĉiu delegito kaj vicdelegito de U. E. A. la ĉi kunan cirkuleron, invitante al resendo de eksiĝletero kiel delegito de U. E. A. kaj de provizora akcepto de simila funkcio en I. E. L.

Jam diversaj delegitoj resendis la necesajn paperojn. Ni invitas la aliajn sekvi tiun ekzemplon *kiel eble plej baldaŭ :*

*Estimata Samideano,*

*Vi jam, pere de la gazetoj, scias la malfacilan situacion, kiu kondukis la estraron de U. E. A. starigi novan internacian Societon, provizore nomatan « INTERNACIA ESPERANTO-LIGO » kaj kiu daŭrigos sur la internacia kampo, laboron similan al tiu, kiun plenumis U. E. A. kaj kiun la estraro de U. E. A. ne plu povis daŭrigi pro la proces-serio, kiun komencis kelkaj Svisaj Esperantistoj.*

*Al la nova organizajo jam kunlaboras i. a. la jenaj landoj : Danujo, Britujo, Aŭstrujo, Nederlando, Francujo, Portugalujo, Argentino, Litovujo, Usono, dum la aliĝo estas jam firme promesita de Svedujo, Norvegujo, Bulgarujo, Grekujo, Hungarujo kaj Italujo.*

*Sekve al la principa decido de la Komitato de Reĝa Belga Ligo Esperantista, nia nacia organizajo ankaŭ jam eksiĝis el U. E. A. kaj nun jus ensendis sian provizoran aliĝon al I. E. L.*

*La provizora estraro de la nova Societo pretigas, jam nun, la novan Jarlibron por la jaro 1937. Estus do dezirinde, ke ĝi posedu, kiel eble plej baldaŭ, la necesajn elementojn.*

*Ni tial petas vin, ke vi bonvolu informi nin, ĉu vi akceptas daŭrigi en la kadro de la nova Societo, la laboron, kiun vi tiel bone plenumis en la antaŭa.*

*Ni havigos ĉiujn ensenditajn respondojn kune al la respektivaj societoj kaj tiel ŝparos poŝtelspezojn.*

*Se vi konsentas, vi bonvolu do subskribi ambaŭ la ĉi-kunajn deklaraciojn, kiel jam faris S-ro Kempeneers, Komitatano de U. E. A. por Belgujo, same kiel multaj aliaj internaciaj gvidantoj inter kiuj ni citu : S-rojn Bastien, Oliver, Long, Hansen, Couteaux, Dubois, Petit, Azorin, Baas, Hendriks, Dahl, Jansson, Scherer, Minkov, Blaise, Canuto, Malmgren, Rollet de l'Isle kaj Steiner.*

*Atendante viajn bonajn novajojn, ni prezentas al vi, Estimata Samideano, niajn plej bonajn salutojn.*

## XXVI=a Belga Esperanto=Kongreso

**Antverpeno, 15-16-17 Majo 1937**

*KOMUNIKO.*

La libertempaj monatoj estas for.

En ĉiuj grupoj, la laboro ekrekomenciĝis. Ankaŭ en Antverpeno la Loka Kongresa Komitato nun definitive ekstarigis la provizoran programon kaj, jam tre baldaŭ, povos doni al niaj legantoj multajn interesajn detalojn.

Sed nun, ankaŭ por ĝi, iĝas utile scii iom ekzakte kiomope la kongresanoj venos al Antverpeno.

Se en Antverpeno estas, por ĉiuj aranĝoj, sufiĉaj salonoj, tiuj ĉi tamen multe diferenciĝas laŭ grandeco... kaj ankaŭ laŭ prezo.

Estus do bedaŭrinde, ke la L. K. K. luu salonojn tro malgrandajn, sed estus same malfeliĉe, se ĝi, senutile, eldonu tro da mono, luante salonojn tro grandajn.

De multaj flankoj, oni ja citis ciferojn. Se ni konsideras la plej optimismajn kalkulojn, almenaŭ ankoraŭ duono devas aliĝi.

Ke tiu duono rapidu nun. Ke, krom esceptoj, la aliĝoj ĝenerale estu ensenditaj kun la mono, antaŭ la fino de la jaro.

Tiel la L. K. K. frue scios kion ĝi povos fari kaj la Kongresanoj mem, kion ili povos esperi.

Ni memorigas : la kotizo estas Fr. 15,—, kiun oni sendu, per poŝtĉeka ĝirilo, al N° 1119.10 de « Belga Esperanto-Kongreso » — Wilrijck-Antverpeno.

### Listo de Kongresanoj.

| | | |
|---|---|---|
| 106. | S-ro Albert Boedt | Bruĝo |
| 107. | F-ino Suzanne Guiot | Gento |
| 108. | F-ino Juliette-Marie Boedt | Bruĝo |
| 109. | S-ro Pierre Guiot | Antverpeno |
| 110. | S-ro Yves Boedt | Bruĝo |
| 111. | S-ro René Geerinck | S-ta Nikolao |

Krome, ni jam ricevis la aliĝilojn de S-ro Fr. J. Haselier (Kerkrade) ; D-ro Desmoulin (Douai) ; S-ro Hubert Karcher (Douai) ; S-ro kaj S-ino Em. Boone (Mouscron) ; S-ro J. Centnersvers (Valenciennes) ; kaj G-roj Mortelmans (Antverpeno) sed, ĉar ni ne jam ricevis la monon sur P. Ĉ. K. 1119.10, ni citos en ilin nia listo de la proksima monato.

**Kvankam ankoraŭ restas ekzempleroj nemenditaj de la apartaj folioj «TRA LA MONDO» de Marto kaj Majo, ni decidis konservi la kompostajon de la novajetoj en tiu ĉi numero, por eventuale denove aperigi apartajn numeretojn.**

Oni, antaŭ ia 10-a de Novembro, mendu :

**100 ekzempleroj kostas Fr. 15,—**
**50 ekzempleroj kostas Fr. 8,—**
**25 ekzempleroj kostas Fr. 5,—**

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 7-an de Novembro : Armisticaj Rakontetoj, de S-ro Faes.

Sabaton, la 14-an : Parolata ĵurnalo.

Sabaton, la 21-an : Teatra vespero : « La mankanta Karto ».

Sabaton, la 28-an : Parolado de F-ino Math. Hofkens : « Svisnjo ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Kunvenoj dum novembro :

Sidejo : La 3-an : a) « Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto » (Prez. S-ro Ch. Poupeye). b) Esp. Kartludoj (Prez. S-ro G. Groothaert).

Sidejo : la 10-an : Roldisdonado « Geedziĝopeto » (Prez. F-ino Y. Thoorls).

Sidejo : la 17-an : Kantvespero. (Gvidado : F-ino A. Boereboom, Fortepiano : S-ino Van Roye, Violonoj : S-roj Hasenbroeckx kaj Helbig.

Kunvenejo : la 24-an Konversacia leciono. (Prez. S-ino Y. Vrielynck-Hubrecht).

KURSO por komencantoj : pliaj lecionoj ĉiuvendrede je la 20-a en la Sidejo.

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, — kaj ankaŭ ĉiuvendrede, dum la daŭro de la kurso — de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino Huyghe, Potterierei, 1, quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

Ĵaŭdon 12 de Novembro, ĉe S-ino De Rijcke, 223 Kortrijksche straat, je la sepa kaj duono akurate, okazos mallonga paroladeto de S-ro Vandevelde pri « La Horoj en la Mondo », kaj diskutado enkondukota de S-ino De Rijcke pri la temo « Por aŭ kontraŭ Alkoholo? »

Ĉiumerkrede en la kunvenejo St Pieters Nieuwstraat 45, je la sepa, lecionoj por novlernantoj, kaj perfektigaj ekzercoj por grupanoj.

La grupanoj estas petataj veni multnombraj.

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 3-an de Oktobro okazis gaja vespero, dum kiuj diversaj membroj kantis, deklamis kaj rakontis.

La 11-an S-ro Van Dyck faris tre interesan prelegon pri « Ekzorcismo ». Li citis ekzemplojn, kiujn li trovis en libro pri tiu temo kaj kiu efektive multe povas pripensigi.

S-ro Jaumotte, reveninte de sia vojaĝo perŝipa, dankis S-ron Van Dyck kaj donis kelkajn klarigojn pri la por-Esperanta propagando kiun permesis al li tiu vojaĝo.

La 17-an, multaj grupanoj faris komunan viziton al la magazeno de « Belga Esperanto-Instituto » kaj faris multajn aĉetojn. Ili daŭrigis la vesperon en plej agrabla atmosfero en Kafejo « Léopold ».

La 24-an, okazis en la magazeno de G-roj Faes, gramafonkoncerto, kiun ĝuis plene la ĉeestintaj membroj, en kies nomo S-ro Jaumotte, prezidanto dankis S-ron Faes.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La 15-an de Septembro okazis, sub la gvidado de F-ino A. Boereboom kaj de S-ino Poupeye, kantvespero. Inter la ĉeestantoj oni vidis Ges-rojn Labbec, anglajn samideanojn.

La 23-an, tridek-ok ĉeestantoj partoprenis en esperantlingvaj konkursetoj, sub gvidado de F-ino Vanden Berghe. Diversaj premioj estis disdonitaj al la gajnintoj.

Dimanĉon, 27-an, delegacio de la grupo partoprenis, kun la flago, en sekvantaro kaj ceremonio sur la Granda Placo, okaze de la jubileo de la kvarlinia regimento.

Lundon, 26-an, S-ro Ch. Poupeye, vicprezidanto, faris flandralingve propagandan paroladon pri Esp. en la salonego de la Kooperativo de la Oficialaj Administracioj « Eendracht ».

La 29-an, S-ro Leŭtenanto Marlé faris lekcion pri « La Baroka Stilo » kaj rikoltis varman aplaŭdon.

Vendredon, 2-an de Oktobro malfermiĝis, kun granda sukceso, la nova kurso por komencantoj sub la gvidado de S-ro Ch. Poupeye. 45 novaj gelernantoj enskribiĝis kaj entute pli ol 80 personoj ĉeestis.

La 6-an, S-ro Ch. Poupeye, ree faris sian flandran paroladon pri Esp. por la novaj gelernantoj, kiuj ne povis ĝin aŭdi antaŭe; la multnombraj ĉeestantoj atente aŭskultis tiun informriĉan pledadon por nia lingvo, kiu sciigis al ili multajn detalojn pri nia movado. La parolinto estis longe aplaŭdata, kiam li konkludis instigante la novajn varbitojn al fidela sekvado de la « Vojo » de Zamenhof, kiel ĝi estas difinita en la belega samnoma poeziaĵo, kiun F-ino Thooris, tuj poste, entuziasme deklamis.

La 13-an okazis kantvespero, sub gvidado de F-ino A. Boereboom, kun akompanado de S-ino Van Roye, ĉe la fortepiano kaj de S-roj Hasenbroekx kaj Helbig per violonoj. S-ro Ch. Poupeye prezidis, anstataŭante F-inon Thooris malhelpatan pro familia vizito. Gaja portretludo agrabligis la finon de la vespero. La kurso estas daŭrigata, ĉiuvendrede, kun konstanta sukceso.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Rekomenciĝis unuagrada lecionaro, gvidata de S-ro De Man, kaj perfektigaj kunvenoj gvidataj de S-ino De Rijcke. Funkcias ankaŭ perletera lecionaro, gvidata de S-ro Vandevelde.

La 8-an de Oktobro, F-ino Van den Nesse kaj S-ro De Man, je gaja aplaŭdo de la aŭskultintoj, ludis la teatraĵon « La Malfermita Letero » ; F-ino Van den Nesse ludis la rolon de ŝajne trompita edzino, tute kiel se ŝi havus sperton pri tia situacio.

S-ino De Rijcke enkondukis, per dokumentriĉa raporto, gajan diskutadon pri la temo : « Por aŭ kontraŭ Amo » ? ĉiu devis klarigi sian opinion ; fine, ĉar la opinioj estis diversaj, oni voĉdonis kaj tiel decidis, ke oni ne forpelos Amo'n el la Grupo, kondiĉe ke ĝi obeu la fundamentajn regularojn de « Genta Grupo » kaj de « Belga Ligo ».

LA LOUVIÈRE. — **« Verda Stelo ».** — La 19-an de Septembro okazis ĝenerala kunveno. Malfermante la kunsidon S-ro Tassin, prezidanto, per elektitaj vortoj rememoras la esperantan vivon de nia tiel karmemora S-ro Petiau kaj diras kion la esperanta movado perdis en la persono de la tiel sindonema pioniro, kiu dum 33 jaroj sin fordonis al nia kara idealo. La unua punkto de la tagordo estis : Raporto de la direktanta komitato : ĝia aktiveco.

Dum preskaŭ tri jaroj, ĉiu dusemajne okazas en Radio Wallonia « Bonne Espérance » Esperanta prelego de S-ro

Tassin kiu seninterrompe daŭrigas sian nelaceblan propagandon.

Dum la pasintaj kursoj en la mezgradaj lernejoj de La Louvière, oni disdonis ok atestojn pri lernado. La prezidanto rememoras la plenan sukceson de la organizo de la XXV-a Belga Kongreso.

La 2-a punkto estis elekto de la nova komitato. Estis proponitaj kaj nomitaj :

Prezidanto : S-ro A. Tassin.
Vicprezidantoj : S-ro E. Jacques.
» » J. Bonge.
Sekretario : » V. Dauchot.
Help sekretario : » H. Dejosé.
Kasisto : » C. Schmitz.
Kursgvidanto : » M. Parfondry.
Gemembroj : S-ino Parfondry kaj M. Herlimont.

Je la iniciato de S-roj Jacques kaj Tassin la grupo « Verda Stelo » aliĝos al «B.L.E.». La membroj pagos la jarkotizon je 25 frankoj, krom tiuj kies mona situacio ne tion permesas; tiuj pagos 10 frankoj kaj nur restos grupanoj.

La 22-an de Septembro komenciĝis la kutima Esperanto-kurso en la industria lernejo. 17 novaj lernantoj ĝin ĉeestis.

La 25-an de Septembro komenciĝis esperanta kurso en 10 lecionoj por la personoj, kiuj posedas mezgradan instruadon. 18 novaj lernantoj ĝin ĉeestis.

Gratulon kaj dankon meritas S-ro Schmitz, kasisto, pro sia bela persona propagando kaj pro sia neprofitema sinofero al nia idealo.

## Jozef Leflot mortis.

Li meritas pli ol simpla mencio, nia amiko Jozef Leflot, kiu ĉiam simpla batalanto, neniam akceptis iun postenon en nia Ligo, sed kiu tamen ĉiam regule, ĝis kiam lia sanstato tion ne plu permesis, ĉeestis la kunvenojn de la Komitato en kiu li reprezentis ĉiam fidele la Esperantistojn de Liero.

Liaj blankaj barbo kaj haroj donis al lia vizaĝo ion imponan, sed afable imponan. De tiam, kiam ni ekkonis lin, li restis ĉiam simila al si mem kaj fidela al nia movado kaj al Belga Ligo Esperantista.

Nun li mortis...

Nia asocio perdas en Jozef Leflot unu el siaj plej meritplenaj membroj.

Ni prezentas al la familio la esprimon de nia profunda kondolenco.

## GRATULOJ.

— Al F-ino Juliette Boedt, membrino de la Bruĝa Grupo, kaj al S-ro Pierre Guiot, membro de la « Verda Stelo », Antverpeno, kiuj gefianĉiĝis, la 11-an de Oktobro.

## ERARO.

De S-ino Elworthy ni recevis jenan peton pri enpreso.

Ĉu mi povas atentigi vin pri eraro, min koncernante, en la jus aperinta nº de B. E.? Estos efektive la 19-an de tiu ĉi monato antaŭ 30 jaroj, kiam mi eklernis Esperanton, sed tio neniel rilatas al mia verketo « Patrinjo », — premiita en la nunjaraj Floraj Ludoj, — kiun mi ne verkis antaŭ 30 jaroj, sed antaŭ nur unu jaro, je la fino de la jaro pasinta.

# La Gazetaro parolas...

**En Hungarujo.**

La Ital-Hungara Banko kaj la Ĝenerala Kredit-Banko regule korespondas en Esperanto.

**En Japanujo.**

Ĵus aperinta jarlibro de la Japanaj Esperantistoj entenas la nomojn de 4.000 aliĝintoj.

**Esperanto en la Poŝto.**

La ĝenerala direkcio de la P. T. T., en Vieno, eldonigis novan serion de ilustritaj poŝtkartoj, kun teksto en Esperanto.

**Esperanto en la Gazetaro.**

— La ĵurnalo « Le Soir » publikigis ĉefartikolon, inspiritan par letero, de F-ino Jennen, lernejestrino en St. Gilles, kaj en kiu la kvalitoj de Esperanto estas klare montritaj.

— En la semajna gazeto « NELE », katolika revuo por flandraj aferoj, aperas bonega propaganda rubriko por Esperanto.

— 1.766 artikoloj aperis, en 1935, en 312 Ĉekoslovakaj ĵurnaloj pri nia lingvo.

**Dunkerque.**

La nova eldono de la oficiala gvidlibro pri Dunkerque, entenas informojn en Esperanto.

**Esperanto en la komerco.**

— La organizantoj de la Komerca Foiro en Vieno denove eldonis faldfolion en Esperanto.

— Dum la Komerca Foiro de Valenciennes (Francujo) estis organizata « Esperanto-tago ».

**Esperanto kaj muziko.**

Belega simfonia Uverturo estis komponita en Vieno, honore de Esperanto, de la aŭstra komponisto E. Minkacsy.

**Esperanto en Ĥinujo.**

Laŭ la lastaj statistikoj pri la Esperanto-movado en Ĥinujo jam pli ol 30.000 Ĥinoj sekvis kurson de Esperanto. En tiu ĉi lando, nun ekzistas 50 Esperantaj Societoj kaj 5 revuoj tie aperas en nia lingvo.

**Esperanto kaj Bellamy.**

La antaŭ nelonge starigita « Bellamy Libro-fondajo » en Amsterdam enkondukis oficiale Esperanton. La konataj libroj de Bellamy « En la Jaro 2.000 » kaj « Egaleco por Ĉiuj », same kiel diversaj aliaj broŝuroj, baldaŭ aperos en Esperanto.

## Por propaganda Celo.

La franca gazetaro sciigas ke, la 11-an de septembro, membro de « Académie des Inscriptions et Belles-Lettres » raportis pri la laboroj de la 4-a internacia Kongreso de Lingvistiko, kiu okazis antaŭ nelonge en Kopenhago.

Povus interesi la Esperantaron la fakto ke, krom la oficialaj laboroj pri la lingvoj, la Kongreso okupiĝis pri la *artefaritaj lingvoj*.

Ĉu la estroj de nia movado estis informitaj pri tiu grava okazintaĵo? La mallonga informo en la franca gazeto aludita ne sciigas pri detaloj, sed, eble, franca aŭ dana samideano povos trovi, per oportunaj traserĉoj, sciigojn pri la opinioj de scienculoj rilate la demandon de artefaritaj lingvoj.

P. BENOIT,
Oostduinkerke.

# LITERATURO

## ŜUFLIKISTA SAĜO.

Ja vivis iam en vilaĝo,
Johan', malgrasa ŝuflikist',
Tenante, laŭ la homa saĝo,
La rangon de idealist'.
Infanoj liaj ploris bulojn,
Suferis akre de l'malsat'.
Bezonis fermi nur l'okulojn
Por trafe morti sur la strat'.
Ĉu mire ke rimedon trovas
Nia sagaca ŝuflikist'?
Ĉar daŭre malsategi povas
Neniu — eĉ idealist'.
La postan tagon sur la vitro,
En verda la esperkolor'.
Li pentris — nova vivĉapitro —
« *Dentist'* » — « *Sen ia ajn dolor'* ».
« Lasante mian ŝuoŝtipon »,
Pripensis nia saĝa vir',
« Mi sekvas aktualprincipon
« Por la honor' kaj monakir'.
« Ĉar gajnas per homara piedo
« Mi eĉ paneron ne por muŝ',
« Mi nun per mia novprocedo
« Gajnados oron per la buŝ'! »
Kaj iom poste sin prezentis
Kampul' en tre dolora fart',
Viktimo esti li konsentis
De l'dento — eltirada — art'.
Johano najlon en la muron
Tuj frapis je la buŝaltec',
Rapide taris peĉoŝnuron,
Ĝin fiksis ĉe l'dolora pec'
Kaj ĉe la najlo aliflanke,
Sin armis poste per alen'.
Al kamparano, tute blanke,
Senmove ĉe la peĉfaden'
Staranta kiel buĉobovo,
Johano diris: « ho amik',
« Ne timu kaj neniu movo! »
Samtempe per alena pik'
En la postajon de la viro
Finiĝis la kuracteknik'.
« Diablon! » La pacient' kun miro
Eksaltis, frotis per la man',
« Se eĉ troviĝus en Biblio,
« — Ĉu estus ruzo de Satan'!? —
« Ne kredus mi, ho emocio!
« Pri tia forta dentradik'.
« Profunde en postajo mia
« Sentiĝas ĉiam ja la pik'! »
Moralaj': la ŝuflikist'
De tiam iĝis realist'.

*Rerakontis* TYNEVERUM.

## La zumanta abelo.

Zumas, zumas la abelo;
Flugas ĝi de flor' al flor';
Ĝin allogas la mielo
Dolĉa de la flora kor'.
Por la vigla, eta besto
La zumado daŭras dum
Tuta la somera festo
En la varma sunolum'.

Ĉiam en senlaca vibro
Ĉirkaŭ tulpo, ĉirkaŭ roz',
Kiel ora etkolibro
Ĝi flugadas sen ripoz'.
Vivas ĝi en paradizo:
Ĉiam en frandajkonsum',
Ĉe l'eriko, ĉe l'anizo,
Inter floroj, en parfum'.

Floroj formas ja pokalojn
Kun nektar', bongusta vin',
Kaj abel' en la petalojn
En kaj reen ŝovas sin
Ĝis ĝi, je suĉajoj sata,
Kaj kun neĉesanta zum'
Sur la vento aromata
Flugas hejmen kiel plum'.

5-6-1936. JULES ALOFS.

## Oficialaj Sciigoj de la Akademio.

*(Nº 12. — Oktobro 1936).*

1. Kun granda bedaŭro ni sciigas pri la morto de *D-ro Corret*, Akademiano, kaj de *S-ro Oscar Van Schoor*, L. K-ano.

Eksiĝis el la Akademio, *Prof. Aymonier, D-ro Beinemann, Prof. Migliorini*; kaj el la L. K. *Inĝ. Orengo, S-roj Döhler* kaj *Christaller*.

2. La L. K-anoj estis petitaj voĉdoni pri *ŝanĝo en la Regularo, koncerne la konsiston kaj elekton de la L. K.*

Respondis 53 membroj el 116.

52 aprobis la proponon, ke la nombro de la L. K-anoj ne devos superi 100, kaj ke tiu nombro estu atingata antaŭ 1940, per neplenumado nur de la postenoj vakantaj pro morto aŭ eksiĝo. 45 aprobis la proponon, ke estu intertempo da unu jarduono inter la prezentado kaj la baloto de novaj membroj. Pri la propono forstreki el la Regularo la tekston rilatan al la lingva konsisto de la L. K., 18 aprobis, 31 ne aprobis, 4 ne decidis. Pro tiu rezultato tiu teksto ne estos forjetita.

La Jarlibro de 1936 estas redaktita laŭ tiuj decidoj, escepte la artikolon 9 de la Statutaro, kiu estos reĝustigata kiam la nombro 100 estos atingita.

Pro la decido pri deviga duonjara intertempo, la ĝisnunaj metodoj de elekto devas esti ŝanĝataj. La prezentado okazos la 1-an de Julio kaj la baloto okazos komence de la sekvanta jaro.

Sekve, por la elektoj de 1937, la kandidatoj estis prezentitaj la 1-an de Julio 1936.

3. Pro bedaŭrinda eraro en la programo, la *Kunsido de la Lingva Komitato* ne okazis dum la Kongreso de Wien. (Estis anoncita Kunsido de la Akademio anstataŭ Kunsido de la L. K.). *La Prezidanto*: M. ROLLET de l'ISLE.

# Tra la Mondo.

**In Hongarije.**

De Italo-Hongaarsche bank en de Algemeene Kredietbank, voeren regelmatig briefwisseling in Esperanto.

**In Japan:**

Een pas verschenen jaarboek van Japansche esperantisten, bevat de namen van 4.000 aanhangers.

**Esperanto en de Post.**

Het algemeen bestuur der P. T. T. te Weenen, heeft een nieuwe reeks geïllustreerde postkaarten doen uitgeven, met teksten in Esperanto.

**Esperanto en de pers.**

— Het dagblad « Le Soir » publiceerde een hoofdartikel, ingegeven door een brief van Mej. Jennen, schoolbestuurster te St Gilles en waarin de voordeelen van Esperanto duidelijk worden omschreven.

— Het Portugeesche dagblad « Republica » publiceerde een lang artikel, ter gelegenheid van het bezoek dat de heer M. Jaumotte, bestuurder van dit blad, bracht aan de stad Lissabon.

— In het weekblad « NELE, katholiek blad voor Vlaamsche belangen » wordt een uitstekende propagandarubriek afgedrukt.

— Gedurende het jaar 1935, verschenen in Tcheko-Slowakije 1766 artikels over Esperanto, in 312 verschillende dagbladen.

**Duinkerken:**

De nieuwe uitgave van den officieelen gids der stad Duinkerken, bevat inlichtingen in Esperanto.

**Esperanto en Handel.**

— De inrichters der handelsfoor van Weenen, hebben weerom een vouwprospectus in Esperanto uitgegeven.

— Gedurende de handelsjaarbeurs te Valenciennes (Frankrijk) werd een « Esperantodag » ingericht.

**Esperanto en de muziek:**

Een prachtige symphonische ouverture werd gecomponeerd te Weenen, door den Oostenrijkschen komponist E. Minkacsy, en dit ter eere van Esperanto.

**Esperanto in China.**

Volgens de laatste statistieken omtrent de Esperanto-beweging in China, hebben reeds méér dan 30.000 Chineezen een leergang van Esperanto gevolgd. In dit land bestaan nu 50 Esperanto-groepeeringen en verschijnen 5 tijdschriften in de wereldtaal.

**Esperanto en Bellamy.**

Het onlangs te Amsterdam gestichte «Bellamy-Boekenfonds» heeft Esperanto officieel ingevoerd. Binnenkort, zullen de gekende boeken van Bellamy « In het jaar 2000 » en « Gelijkheid voor allen », alsmede verschillende brochures in Esperanto uitgegeven worden.

**En Hongrie.**

La banque italo-hongroise et la banque générale de crédit, correspondent régulièrement en espéranto.

**Au Japon.**

Un récent annuaire d'espérantistes japonnais, contient les noms de 4.000 adhérents.

**L'Espéranto et la Poste.**

La direction générale des P. T. T. à Vienne, a fait éditer une nouvelle série de cartes postales illustrées, avec textes en Espéranto.

**L'Esperanto et la Presse.**

— Le journal « Le Soir » a publié un article de fond, inspiré par une lettre de Mlle Jennen, directrice d'école à St Gilles, et dans lequel les avantages de l'Esperanto sont clairement exposés.

— Le journal portugais « Respùblica » a publié un long article, à l'occasion de la visite de Mr Jaumotte, directeur de ce journal, à la ville de Lisbonne.

— Dans le journal hebdomadaire « NELE, katholiek blad voor Vlaamsche belangen », se trouve une excellente rubrique de propagande pour l'Esperanto.

— 1766 articles furent publiés en 1935, par 312 journaux tchéco-slovaques.

**Dunkerque.**

La nouvelle édition du guide officiel de Dunkerque, donne des informations en Espéranto.

**L'Espéranto et le commerce:**

— Les organisateurs de la foire commerciale de Vienne ont de nouveau publié un dépliant en Espéranto.

— Lors de la foire commerciale de Valenciennes (France) une « journée espérantiste » fut organisée.

**L'Espéranto et la musique.**

Une magnifique ouverture symphonique fut composée à Vienne, en honneur de l'Esp-ranto, par le compositeur autrichien E. Minkacsy.

**L'Esperanto en Chine.**

D'après les dernières statistiques au sujet du mouvement Esperantiste en Chine, plus de 30.000 Chinois ont déjà suivi un cours d'Esperanto. Il existe en ce pays 50 groupes esperantistes et il y paraît 5 revues en notre langue.

**Esperanto et Bellamy.**

La Fondation « Bellamy-Boekerij-Fonds » érigé, il y a peu de temps, à Amsterdam, emploie, officiellement l'Esperanto. Les livres très connus de Bellamy « En l'An 2.000 » et « Egalité pour tous » seront, ainsi que plusieurs autres brochures, bientôt édités en Esperanto.

## Plena Gramatiko de Esperanto.

Literatura Mondo informas ĉiujn aĉetintojn de la unua eldono, ke la dua eldono estas ĵus presprtigita. Ĝi estos ĉirkaŭ 100 paĝojn pli granda, ol la unua kaj la eldonejo ŝanĝos por ĉiu la unuan eldonon je la dua. La aĉetintoj, se ili hazarde ne ricevis la necesajn informojn antaŭ la 1-a de novembro povas ĝin havigi de la eldonejo aŭ de la firmo, kiu liveris al ili la libron. Kiuj ne deziras ŝanĝi, rajtas aĉeti la duan eldonon por la duona prezo.

LITERATURA MONDO.

## DANKON.

*Pro faritaj servoj nia direktoro S-ro Jaumotte dankas la Esperantistojn, kiujn bonvolis viziti lin surŝipe kaj gvidi lin okaze de ĝia vojaĝo al Portugalujo, Maroko, Madeiro kaj Acoroj.*

*Li precipe citas S-rojn Jorge Saldanha Carreira (Lisboa), Ernesto Cesar Pereira kaj D-ro Lucio Sant' Ana de Miranda.*

*Tiuj samideanoj ne nur helpis sed ankaŭ en la nacilingvaj jurnaloj faris gravan propagandon, trograndigante tamen la meritajn pri-Esperantajn kaj aliajn de la simpla vojaĝanto, kiu tamen estis tiel feliĉa ilin renkonti kaj montri al ĉiuj kunvojaĝantoj kiel simpla, facila kaj utila estus al ili la lernado de nia lingvo.*

*En la sekvanta numero ni iom rakontos pri tiu vojaĝo, laŭ Esperanta vidpunklo.*

# La Domo: Haloj kaj Portikoj

Oni eniras vian domon aŭ viajn apartamentojn...
La unua akcepto, la unua beleco, kiujn oni trovas, estas kutime ĉambro al kiu vi donas eble malmulte da atento, sed kiu, tamen, montras iom de via personeco, multe pri via gusto : tiu estas la halo. Vi povas nomi ĝin vestiblo, se estas koridoro, klasika kaj kredeble pentrita kiel blanka marmoro. Baptu ĝin halo, se ĝi havas pli ĉambrajn dimenciojn.

Ĉiam tamen, estas malgranda loko, kaj do oni metu tie nur kelkajn meblojn : vestaĵojportilon, unu aŭ du seĝojn, aŭ benkon, ĉar la vizitantoj devas atendi vin tie. Se vi havas ĝin, metu antikvan horloĝon, sed en tiu okazo, pripensu ke la vizitantoj juste vidas kiom da tempo vi restos for.

Se vi havas ankoraŭ vestejon, via halo povos servi kiel biblioteko : Vi tute simple povas fari bretaron kontraŭ muro. Via halo servos ne nur al vizitantoj, sed estos ankaŭ trankvila ejeto por kiu volos esti sola kun libro.

Oni multfoje riproĉas al haloj esti mallumaj.

Kontraŭ tiu malbonaĵo, estas rimedo :

Metu spegulojn ; vi nur bezonos unu elektran lampon, kaj la speguloj multigos la lumon kaj faros la halon pli klaran.

Kelkaj gravuraĵoj bone elektitaj montros la guston por beleco de la loĝantoj, kaj, de la eniro la vizitantoj renkontos la agrablan rideton de la domo.

Hélène HOFKENS.

## Bonhumoro

TRO MALGAJA FINIĈO.

Oni lernigis al infaneto, okaze de la nomfesto de ĝia avino, la fablo de « La lupo kaj la ŝafido » de Lafontaine. Hieraŭ la knabeto stariĝas antaŭ sia avino kaj ekdiras sian deklamadon. Alveninte meze de la fablo, li tutsimple haltas.

— Nu, mia karulo ! ci ne daŭrigas ? Ĉu ci do ne scias la reston ?

— O, jes, avinjo, sed... la finiĝo estas tro malgaja !

(La fablo finiĝas per la morto de la ŝafido.)

NOVA LUDO.

— Kial vi piedfrapas tiel forte tiun korbon.
— Estas por amuzi mian malgrandan fraton.
— Sed mi ne vidas lin. Kie li estas.
— En la korbo...

## Bibliografio

*Post interrompo de ĉi tiu kroniko, dum la libertempaj monatoj, ĝi de nun denove regule aperos.*

**Kelkaj eldonaĵoj de la Federacio de laboristaj esperantistoj en la regiono de la Nederlanda Lingvo.**

Kiam ni recenzis antaŭ kelkaj monatoj, la valoran verkon « Tra la Labirinto » de F. Faulhaber, ni havis la okazon esprimi nian admiron por la granda laboro, efektivigita en tiom malmulte da tempo, de la Federacio. Ĝi denove surprizis nin agrable per la eldono de la sekvantaj verkoj.

1. *JUBILEUMBOEK — 1911-1936.*

En tiu ĉi libro la nemembro de la Federacio trovas multajn valorajn informojn pri ĝi, dum la fidela membro de l'unua horo, denove travivas, tralegante ĝin, la grandajn malvenkojn, la malgrandajn sukcesojn, la daŭran obstinon, la pioniran, paciencan penadon de ĝiaj batalantoj inter kiuj kelkaj estas nune admirataj, sed pli multaj preskaŭ nekonataj.

La kunlaborado al ĝi de la plej konataj kompetentuloj garantias la seriozecon de la libro, kiu donas klaran bildon de la teknikaj flankoj de Asocio tia kia la Federacio, t. e. de Asocio kiu povas fieri pri si mem.

2. *LA UNUAJ PAŜOJ. — Kvin legolibretoj de Annie Rebers. Ĉiu : 16 pĝ. ; 20,5 cm. × 15,5 cm. 12 1/2 cent ; kun enkonduko de F. Faulhaber kaj multaj ilustrajoj de Ger. Sligte.*

La kvin libretoj formas la plej bonan legomaterialon por nova esperantisto, membro de la Federacio.

Tute aranĝitaj sub la signo de la proletaro, ili estas modelo por taŭga sed *tendenca* studomaterialo.

4. *ZAKWOORDENBOEKJE F. L. E. Volumeto 80-paĝa — kompletigita de H. W. Alings — 9,5 cm. × 13 cm. ; prezo : 12 1/5 cent. — Vortareto : Nederlanda-Esperanta, Esperanta-Nederlanda.*

La vortareto, plej zorge prilaborita estas kompletigita « ŝlosilo », kiu donas la tradukojn de 2400 vortojn Esp. kaj 2800 vortojn. Ned. — Ĝi certe trovos grandan plaĉon.

Ĉiuj ĉi supraj verkoj, estas presitaj ĉe l'presejo « Dico » el Amsterdam, kiu liveris al la esperantistaro zorgan, allogan serion de studiloj.

---

La proksiman monaton aperos kritiko pri « Petrolo » de Upton Sinclair (P. E. B.) kaj recenzoj pri tri verkoj de P-ro Delfi Dalmau.

*Desegnajoj pri Baghy kaj Kalocsay*, faritaj de artisto Stéfano Bartha. Haveblaj ĉe Literatura Mondo, por ekzemplero 5 dolarcendojn afrankite. 10 ekzempleroj 40 dolarcendoj.



*Por pagoj al I. E. L. provizore al la privata P. Ĉ. K. 1700.10 de S^ro Jaumotte, sekretario de R. B. L. E.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

# Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ :
EN BRUĜO



**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).
Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.
Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).
Ĝenerala Sekretario-Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.58).

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.